# VERDA REVUO

Sendependa revuo pri arto, scienco kaj amuzo.

**Redaktejo kaj administrejo: Wien, VII., Hermanngasse 31/26, Aŭstrio.**

Jarabono (komencebla ĉiumonate): 4·20 aŭstriaj ŝilingoj (7 respondkuponoj) aŭ egalvaloro en aliaj valutoj. Pageblaj ankaŭ en partpagoj (duonj. ŝ 2·20, kvaronj. ŝ 1·15), 1 ekzemplero ŝ 0·40. Aperas la 15-an ĉiumonate. Represo nur kun fontocito. Manuskriptojn ni ne resendas. Reprezentantoj en ĉiuj landoj.

**Aŭstria poŝtĉek-konto C-134.731**

N-ro 7/8 (31/32) | JULIO-AŬGUSTO 1937 | 3-a jaro


## ORA JUBILEO DE ESPERANTO.

Pasis duona jarcento, depost kiam aperis la modesta broŝuro, titolita: „Lingvo internacia“, kies eldonanto nomis sin simple: „doktoro Esperanto.“

Tiam, en la jaro 1887, por la publiko, por la mondo naskiĝis la helplingvo de la pola okulkuracisto doktoro Ludoviko Lazaro Zamenhof. Kaj la tiam „esperanta“ lingvokreinto restis ĝis sia tro frua morto esperanto pri la finvenko de sia kreaĵo.

Ni esperantistoj, vivantaj en la orjubilea jaro, ni plenrajte povas aserti: Majstro Zamenhof, la homara apostolo, nun ne plu devus deklari sin rilate al sia lingvo „esperanto“! La evoluo, la intertempe pasintaj kvindek jaroj, ili donas la pruvon, ke la stadio de l' esperado jam estas transirinta. Esperi oni povas nur pri io, por kies efektivigo ne ekzistas centprocenta certeco, centprocenta sekuro. Ĉu por ni esperantistoj de la jaro 1937 povas esti nur eta dubo, ke la Lingvo internacia perdiĝos anstataŭ venki? — Ho, ni neniel trompas la mondon kaj neniel trompas nin mem, dirante: La malfacilaĵoj — — ili jam estas venkitaj! Por la ekzistado de la Lingvo internacia ni ne plu devas batali, ĉar Esperanto jam fariĝis io rokfirma, nefordiskutebla. Kaj la tasko de ni plenumota nun devas konsisti el tio, gajni diversajn instituciojn societajn por la uzado de la bona instrumento „Esperanto“, por kies taŭgeco kaj utileco vere ne plu estas bezonataj iaj specialaj atestoj. Ni devas mobilizi lernejojn, organizojn, sindikatojn, kooperativojn, oficejojn poŝtajn kaj




trafikajn, Radion, komercajn kaj industriajn entreprenojn, ni devas gajni antaŭ ĉio tiajn instalaĵojn societajn, kies rilatoj estas internaciaj. La ĝisnunan metodon de la varbado, nome la varbadon de unuopaj homoj, tiun metodon ni tute ne forlasu. Sed ni nepre disvastigu nian agadkampon en la supre skizita senco.

Ne estas hazardo, ke la voko: „Esperanto en la lernejojn!“ pli kaj pli laŭtiĝas kaj oftiĝas. La rolo de la esperantistoj pligraviĝis; ili paŝas en novan stadion. Kaj la jubilea jaro, ĝi estu kvazaŭ la komenco de tiu epoko, kiu kondukas al la finvenko de Esperanto — al la konkero de la homaro. Ni do laboru tiel, ke venu la tago de ni sopirata, kiam oni diros: La modesta okulkuracisto doktoro Ludoviko Lazaro Zamenhof ne vane estis „esperanto“! . . .

Lingvo, kiel Esperanto, servanta al la ideo, per reciproka kompreno alproksimigi kaj kunigi la homojn plej diversnaciajn, tia lingvo ne nur celas al la paco inter la homoj, tia lingvo enhavas la pacvolon kiel karakterizan econ. Ni esperantistoj ne estas tiom naivaj, opinii, ke sufiĉas por la homaro, adapti nian lingvon. por garantii pacon. Sed tion ni scias: disvastigante la Lingvon internacian, ni kunhelpas, atingi tiun celon. La nuna, tiom militgraveda tempo bezonegas pacbatalantojn pli ol iam ajn. Ni ne perdu la entuziasmon por tiu ĉi batalo, kvankam tio nuntempe necesigas feran persiston. Ni konsciiĝu: la kredo al la venko de nia lingvo signifas kredon al la venko de l' esperantismo kaj per tio al venko de l' paco inter la popoloj, inter la nacioj. Ni kredu, ni batalu por venki.

**La reciproka kompreniĝado de homoj per neŭtrala arta lingvo estas ne sole tute ebla, sed eĉ tre kaj tre facila.**

**D-ro L. L. Zamenhof.**

# KVINDEK JAROJ.

**Julius Holzleithner**, Gmunden, Aŭstrio.

Estas stranga aperaĵo en la kulturhistorio de la homaro — aperaĵo, kiu devus averti nin, trotaksi la valoron de ĉiuj kolektivaj juĝadoj kaj agadoj — ke ĝuste tiaj eltrovitaĵoj, kiaj taŭgus, helpi kaj savi la homojn, alporti al ili benaĵon, feliĉon kaj progreson, ke ĝuste tiaj eltrovitaĵoj vekas ofte la plej akran rezistadon de la amaso, estigas ĝian plej profundan malamon. Ĝuste la bonfarantoj de la homaro devas bataladi, por ke la homaro akceptu ilian bonfaraĵon! La historio de la tekniko — ni citu nur unu ekzemplon — estas riĉega je raportoj pri furiozaj popolamasoj, kies kolero turniĝis kontraŭ novaj maŝinoj, necesaj por la progreso de la kulturo, pri minacaj atakoj, kiuj eĉ endanĝerigis la vivon de la eltrovintoj.

Sed ĉu ni tial malesperu pri la antaŭenevoluo de la homaro? Tute ne; ni konkludu el tio nur la jenon: iu natura leĝo destinas, ke ĉio bona nur malrapide povas akiri ĝeneralan estimon, nur iom post iom venki la kontraŭstarajn fortojn, ĝis kiam fine ĝi regas daŭre, dum kontraŭe iu laŭmoda afero eble tre rapide gajnas la amasojn, sed ankaŭ same rapide forgesiĝas. Oni povus eĉ opinii, ke speciale la grado de la vekata rezistado, la tempodaŭro kaj la intenseco de la necesa batalado estas en certa rilato mezuro pri la interna valoro de iu afero.

Aplikante tiun ĉi mezurilon, ni esperantistoj povas konstati kun fiera konvinko, ke ni batalas por vere bona afero: ĉar 50 jaroj de la vivo de nia lingvo signifas 50 jarojn de batalado kontraŭ rezistoj de ĉiu speco, kontraŭ malamikeco, kontraŭ malkompreno. Rigardante la aferon el ĉi tiu vidpunkto, ni povas diri: tiu rezisto estas la gloro, la honoro de nia movado. Tial, se oni demandas: „Ĉu nia batalado ne estas vana? Ĉu la ĝisnunaj sukcesoj pravigas nian esperon pri la fina venko de la genia ideo de doktoro Zamenhof?“, ni povas hodiaŭ firme kaj decide respondi: „Nia afero antaŭenmarŝas kun tia natura tempomezuro, kia estas karakteriza kaj necesa signo de ĉiuj bonaj kaj valoraj aferoj.“

Se eble al kelkaj samideanoj la progresado de nia afero ŝajnas esti iomete tro malrapida, ne konforma al iliaj fervoro kaj temperamento, ili pripensu la jenon: Oni ne devas atribui tro grandan imponan efikon al la laŭmoda agitvorto „tempo“ (en la senco de „rapida tempomezuro“), kiu estas grandparte nur la esprimo de la hodiaŭa, la mondon reganta ĝenerala nervozeco kaj kiu denove estigas nervozecon; ĉar la terglobo ja tamen turniĝos eterne kun sia kutima tempomezuro kaj ankaŭ la kreskado de la plantoj, la evoluo de la besta vivo k. t. p. konservos sian naturan takton. Tial certe estas necese, ke ankaŭ la homaj aferoj iamaniere alkonformiĝu al tiu tempomezuro, kiu estas iel enestanta eco de la naturo mem, se oni volas havigi al ili vere sanecan evoluon. Tial ankaŭ nia Esperanto ne estu traktata eble kiel vitrodoma kreskaĵo, kiu per artaĵaj rimedoj estas instigata al nelaŭtempa, nenatura kreskado: lasu ĝin evoluiĝi kiel naturan planton kun la natura rapideco, se vi volas, ke ĝi havu veran, t. e. naturan vivon!

Plenigite per la firma konvinko, ke nia movado dum 50 jaroj progresis precize en la natura tempomezuro kaj, ĝuste pro tio, pluen progresos, ĝis kiam niaj idealaj celoj estos atingitaj, ni povas labori kun trankvila firmeco kaj forlasi ĉion, kio ebligas alporti nur momentan, ŝajnan sukceson; ni povas forlasi ekz. ĉiun troigan akcentadon de la facileco de nia lingvo, grandigon de niaj membrolistoj per personoj, kiuj, nur persvaditaj, sed ne konvinkitaj, dum mallonga tempo eble sekvos niajn ideojn k. t. p.

Certe ja estas bedaŭrinde, ke la homaro hodiaŭ ne jam plene ekkonas la valoron de nia lingvo kaj ne ĝin uzadas ĝenerale; sed aliflanke ni devas diri, ke estas ege interese, vivadi en tempo de la luktado, havi okazon, esti kunhelpanto kaj kunlaboranto por la evoluo de nobla ideo, sekvante la vojon, kiun la pioniroj de Esperanto dum duona jarcento jam preparis: en tiu ĉi senco ĉiu el ni, kiu hodiaŭ lernas, parolas aŭ propagandas nian lingvon, povas havi la entuziasmigan konscion, ke pli poste, se estonte la verda stelo brilos super la tuta mondo, se estonte ĉiuj homoj interkompreniĝos pere de la lingvo de „doktoro Esperanto“, se ili benos la elpensinton de la lingvo kaj ĉiujn, kiuj helpis, disvastigi ĝin, tiu ĉi beno kaj la danko de la posteularo ampleksos ankaŭ lin, kvankam la mondo ne konos lian nomon kaj lian modestan agadon.

---

# JUBILEA PAROLADO DE D-RO ZAMENHOF.

(Okaze de la kongreso 1912 en Krakovo.)

La unuaj vortoj, kiujn mi volas hodiaŭ eldiri al vi, karaj samideanoj, estas vortoj de kora gratulo, ĉar ni havas hodiaŭ grandan feston. Ĵus finiĝis dudek kvin jaroj de la tempo, kiam — post longa naska preparado — aperis publike la lingvo, kiu nin ĉiujn unuigas, por kiu ni ĉiuj laboras kaj kiu enkorpigas en si tiun homofratigan ideon, kiun la plimulto el ni havas en sia koro kaj kiu dum dudek kvin jaroj flame instigadis nin labori, malgraŭ ĉia malfacileco kaj ĉiuj malhelpoj.

Dudek kvin jaroj da laborado por Esperanto kaj por ĝia ideo! Tion povas plene kompreni nur tiuj personoj, kiuj partoprenis en tiu laborado de la komenco ĝis nun. Bedaŭrinde tre nemultaj estas tiuj personoj. El la laborantoj de la unua tempo tre multaj jam delonge ne plu vivas, aliajn lacigis la malfacila, grandan paciencon kaj persistecon postulanta vojo, kaj ili malaperis el nia anaro. El tiuj personoj, kiuj troviĝas nun en ĉi tiu ĉambrego, la grandega plimulto en la unuaj jaroj de Esperanto nenion sciis pri ĝi aŭ neklare aŭdis pri ĝi nur kiel pri ia freneza, mokinda kuriozaĵo; tre multaj el vi en la momento de la apero de Esperanto estis ankoraŭ infanoj; multaj, kaj certe ne la malplej fervoraj el vi, en tiu tempo eĉ tute ne ekzistis ankoraŭ en la mondo. La grandega plimulto el vi aliĝis al nia afero nur tiam, kiam ĝi estis jam sufiĉe forta kaj elprovita. Tre kaj tre malgranda, facile kalkulebla per la fingroj, estas la nombro de tiuj personoj, kiuj iris kun Esperanto de la momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Kortuŝite ili povas nun rememori, kiel terure malfacila estis ĉiu paŝo en la komenco, kiam ĉiu aludo pri Esperanto postulis specialan kuraĝon, kiam el ĉiu milo da semoj, kiujn ni en plej primitiva maniero, sen helpo kaj sen rimedoj, pacience ĵetadis en la teron, apenaŭ unu ricevis radikojn.

Dudek kvin jaroj! Grandegan gravecon havas tia peco da tempo en la historio de lingvo artefarita. Lingvoj naturaj kreskas tute trankvile, ĉar kun tia lingvo neniu kuraĝas fari iajn eksperimentojn aŭ fleksi ĝin laŭ sia gusto; sed pri lingvo artefarita ĉiu opinias, ke li havas rajton de voĉo, ke li povas aŭ eĉ devas direkti la sorton de la lingvo laŭ sia kompreno. En lingvo natura ĉiu eĉ plej granda efektiva malbonaĵo neniun incitas, eĉ neniun meditigas, kaj estas akceptata kun plena kontenteco aŭ rezignacio; en lingvo artefarita ĉio ŝajnas al ni kritikinda, ĉiu bagatelo, kiu ne estas konforma al nia gusto, pikas al ni la okulojn kaj vekas deziron de refarado. Lingvo artefarita dum longa tempo estas elmetata al senĉesaj ventoj, al senĉesa tirado kaj puŝado. Kiom da ventoj, kiom da senĉesa tirado nia lingvo devis suferi dum sia dudekkvinjara vivo! Se ĝi tamen ĉion sane eltenis, se malgraŭ ĉiuj ventoj kaj puŝoj ĝi dum dudek kvin jaroj vivis kaj kreskis regule kaj rekte, ĉiam pli fortiĝante kaj riĉiĝante, neniam fleksiĝante aŭ kripliĝante, neniam minacante disfali en dialektojn, sed ĉiam pli kaj pli fortikigante sian tute difinitan, ĉie egalan spiriton, neniam perdante hodiaŭ,

kion ĝi akiris hieraŭ, — ni povas pri tio sincere nin gratuli.

* * *

Antaŭ ol mi formetas de mi ĉian oficialan rolon en nia afero, mi ankoraŭ la lastan fojon admonas vin: laboru ĉiam en plena unueco, en ordo kaj konkordo. Ĉiujn dubajn demandojn, kiuj koncernas la tutan Esperantan aferon, kaj kiuj ne tuŝas la personan liberecon de ĉiu aparta Esperantisto, solvu ĉiam pace, per regula interkonsiliĝo de viaj egalrajte elektitaj delegitoj kaj per disciplina cedo de la malplimulto al la plimulto. Neniam permesu, ke en nia afero regu la principo: „kiu pli laŭte krias, tiu estas prava". Per unueco ni pli aŭ malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune. Ne forgesu, ke Esperanto estas ne sola simpla lingvo, kiun ĉiu el ni uzas nur por siaj propraj bezonoj, sed ke ĝi estas grava socia problemo, ke, por atingi nian celon, ni devas konstante propagandi nian aferon kaj zorgi pri tio, ke la mondo havu estimon kaj konfidon por ĝi. Se en nia afero aperas io, kio ŝajnas al ni malbona, ni povas trankvile ĝin forigi per komune interkonsentita decido; sed ni neniam semu en nia tendaro reciprokan malamon kaj malpacon, kiu nur ĝojigas kaj triumfigas niajn malamikojn. En la unuaj jaroj de nia laborado sur nia standardo estis skribitaj la vortoj „espero, obstino kaj pacienco"; tio tute sufiĉis, ĉar ke ni, samideanoj, devas reciproke nin estimi kaj helpi, tio por ĉiu estis komprenebla per si mem. En la lastaj jaroj ni bedaŭrinde ofte forgesis tiun devon; tial nun transirante en la duan gravan periodon de nia historio, en la duan kvaronjarcenton, ni skribu sur nia standardo novan vorton, kaj ĉi tiun vorton ni ĉiam respektu kiel sanktan ordonon; tiu vorto estas: „konkordo".

---

## LA VOJO.

Tra densa mallumo briletas la celo,
Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj' elektita.

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri l' tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, —
Ni semas kaj semas konstante.
„Ho, ĉesu!" mokante la homoj admonas, —
„Ne ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas:
„Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos."

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco, —
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

D-ro L. L. Zamenhof.

---

## KION DIRAS PACIFISTO.

Ludwig Demal.

Ĉu komercisto, kiu vundbatas sian najbaron kaj ruinigas lian domon, lian ĝardenon, ĉu tia komercisto rajtas esperi, ke la najbaro fariĝu bona kliento? Nu kaj en la rilatoj inter popoloj, ĉu la afero estas alia?

* * *

Ankaŭ la lasta milito, ĝi ree estas antaŭulo de venonta milito — pruvo, ke la forto, la devigo, la potenco ne taŭgas, estigi daŭran juran staton.

* * *

La venkitoj en moderna milito ĉiam estas ambaŭ ŝtatoj.

* * *

En la nuna epoko militantaj ŝtatoj militas kontraŭ la tuta mondo, ĉar la sekvojn de milito sentas eĉ ŝtatoj, kiuj entute ne partoprenas ĝin.

* * *

Milito ne estas akcidento kiel ekzemple rokfalo, tertremo kaj superakviĝo; ĝi estas longe preparita, bone pripensita krimo de potenculoj kaj demagogoj.

* * *

Humaneco! Plenrajte ĝi postulas, ke ni per ĉiuj fortoj flegu fratojn, vunditajn dum militaj bataloj kaj zorgu por ili. Sed: ĉu ne estas pli humane, se ni ne lasus vundi ilin?

* * *

Ju pli alta estas kulturo, des pli kulturkontraŭa estas milito.

* * *

Ne estas permesite, ke oni mallongigu la suferojn de mortvundita homo

---

**Rompu, rompu la murojn inter la popoloj, donu al ili la eblon, libere konatiĝi kaj komunikiĝi sur neŭtrala fundamento, kaj nur tiam povos malaperi tiaj bestaĵoj, kiujn ni nun vidas en diversaj lokoj!**

**D-ro L. L. Zamenhof.**

per la mortigo; sed oni permesas, ke sanulo fariĝu vundito.

* * *

„Justa milito!" — Ĉu la samajn vortojn ne ankaŭ diras la „malamikoj"?

* * *

Vi diras: La homoj por la paco ankoraŭ ne estas maturaj. Nu, estas nia devo, maturigi ilin.

* * *

Kiu deziras militon? Vi, patrinoj, patroj, gefianĉoj kaj gefratoj? Vi, pastroj, artistoj, laboristoj? Vi, kamparanoj, scienculoj, kuracistoj, instruistoj, kaj vi kristanoj? — Vi ja ne povas deziri ĝin!

# LIBERTEMPO.

**Minna Kugler.**

Libertempo! Tiu ĉi vorto vekas en ni belajn pensojn, pensojn pri susurantaj arbaroj, maturiĝintaj grenkampoj, ondigitaj de venteto, pensojn pri sunlumo kaj birdopepado, pri ekskursoj kaj montgrimpadoj, nu kaj pensojn pri — dolĉa neniofarado.

Post la ĉiutaga laboro, streĉa por la korpo, por la animo, ofte postulanta nian tutan forton, nian tutan mion, ni sopire atendas la tempon, kiu permesas al ni, fugi el la ĉiutaga vivo de monotona ripetado. La turmentita animo, ĝi jam vekrias pro tro longa malhavo de libereco. Ĝi deziregas, liberigi sin, ĝi sopiras al lumo, al sereneco, al senzorgeco. Ni migru do eksterurben, for el la grizaj muroj, al trankviliga verdaĵo, en la liberan naturon! Tie ni serĉu refreŝigon, kie la naturo milope parolas al ni. Kaj ni aŭskultu ĝiajn voĉojn. Muĝantaj akvoj laŭtigas sin pri forto kaj kuraĝo, plaŭdantaj riveretoj parolas pri sereno kaj ĝojo; birdoj igas nin partopreni en ilia kantado. La floroj silentas: ili parolas per siaj koloroj, per siaj odoroj.

La malhela arbaro estu nia rifuĝejo. En ĝia solena silento trankviliĝas nia animo. La mallaŭta murmurado de la arbosuproj — ĝi estas por ni kanto de l' paco; el ĝia flustrado ni aŭdas konsolon, kuraĝigon, estas, kvazaŭ la koro de la arbaro parolus al ni. Kaj ni trovas la vojon en nian internon.

Kiel mirinde: la peza ŝarĝo de zorgoj, de ĉagrenoj, de afliktoj — ĝi defalas de ni. Ni sentas nin liberaj.

Ni iru monten al liberaj altaĵoj, renkonten al la ĉielo, al lumo, al la suno. Tuŝas nin tie agrabla spiro de libereco. Kaj ni sentas nin pli proksimaj al tio, kio nomiĝas naturo, dio.

Vi, suno, forfandu per viaj radioj la lastan restaĵon de zorgoj, de suferoj en ni; detruu per via hela lumo la nigran pesimismon, la malamon en ni! Suno, vi, kiu kreskigas la herbojn, la florojn, vi, kiu burĝonigas kaj verdigas la arbojn, la arbustojn, vi, kiu superverŝas la tutan mondon per lumo kaj varmo, ĝermigu per viaj radioj la semon „optimismo", troviĝantan en ĉies korpofundo.

Libertempo, kiom vi estas bela!



# TIA ESTAS LA VIVO.

**Alois Hochreiner**, Linz, Aŭstrio.

Mi estis eliranta antaŭ tagiĝo. Mi staris en la kanejo kaj rigardis trans la malsekan herbejan ebenon, kiel mi faris ĉiam, antaŭ ol mi iris el la kovrejo. Nenio estis videbla. Nur rabobirdo ŝvebis en la aero. Subite mi aŭdis ekstere moviĝon kaj mi vidis malaltan ruĝan beston, kurantan trans la liberan ebenon: estis vulpo, kiu portis kaptaĵon en la dentaro.

Kio nun sekvis, tio okazis pli rapide ol mi povis pensi: unue mi vidis nur kvazaŭ malhelan strion, kiu etendiĝis super la vulpo en la aero. Mi aŭdis obtuzan bruadon, kvazaŭ enirus subita ventopuŝo malproksimajn arbosuprojn. El la alteco estis sin ĵetinta grandega birdo sur la vulpon. Tiu deflankiĝis, ŝanceliĝante pro ektimo kaj faligis sian kaptaĵon. La puŝo estis maltrafinta. Fulmrapide mordis la akra dentaro de la vulpo kontraŭ la aglo kvazaŭ pikanta glavo. Sed la birdo ĵus ree leviĝis per obtuza bato de la flugiloj kaj la vulpo ekkaptis nur kelkajn plumojn el la brusto de l' kontraŭulo. Ĝi resaltis per la tuta forto al arbusto, proksima nur kelkajn paŝojn kaj donanta al ĝi sekurigan kovrejon. Sed denove la birdo superregis la situacion. Per flugila bato ĝi ĵetis sin flanken sur la vulpon, ke ĝi rulis trans la ŝtonaron. Ĝia blanka dentaro tintis, ĝia buŝo kaptis aeron. Antaŭ ol ĝi povis leviĝi, la aglo premegis ĝin, starigis sin sur ĝin kaj forte batis per la flugiloj, por teni sin en ekvilibro.

La vulpo tordis sin kiel vermo, muta, por savi sin el la teruraj ungegoj, sed ŝajne sensukcese. Unu el la piedoj ungoarmitaj ekprenis la bruston de la vulpo, dum la alia ĉirkaŭprenis firmege la kapon kaj la malsupran makzelon tiel, ke la vulpo ne plu povis mordi, kaj unu el la kruelaj armiloj mergiĝis en la okulojn. La viktimo estis blindigita, sendefenda.

Nun leviĝis la aglo kaj flugis kelkajn paŝojn malalte super la tero. Sed tro multe da vivo estis ankoraŭ en ĝia viktimo. La vulpo subite ektordis sin kaj batis per la piedoj en la aeron; ĝi tremante kuntiris la korpon kaj streĉis sin. Ho, kion povis signifi tio por la aglo? Ĝi malleviĝis teren, nur kelkajn paŝojn antaŭ mi. Longe ĝi staris kun malfermitaj flugiloj, sin balancante, apogante sur la vosto kaj flugiloj. Pli kaj pli ĉirkaŭis la ungegoj la vulpon, kiu longe sin tenis senmova; poste ĝi ree tremis senespere kaj batis per la vosto. Malhela sango fluis el multaj vundoj kaj kolorigis la herbon.

Nun ĝi streĉis la piedojn kaj rigide ilin etendis. Jen, mi pensis, la vivofino! Sed nun venis io, kio estis terura kaj kio konvulsie kuntiris mian koron. Neniam mi forgesos tion.

La vulpo kriis! Jes: kriis!...

Mi aŭdis vulpojn kverelantajn, kiam ili en la pariĝema tempo kuris malantaŭ inoj kaj interbatiĝis pro ili. Mi aŭdis, kiel ili krietante persekutis arde deziratan kaptaĵon. Mi ankaŭ aŭdis ilin, kiam ili en la malhelaj, malvarmaj noktoj hurlis longe kaj kvereleme. Sed neniam antaŭe mi aŭdis vulpon tiel terure kvereli kiel tiun, kiu fariĝis viktimo de la aglo.

Mi scias, ke la vulpo preskaŭ neniam kverelas pro doloro aŭ timo. Longajn horojn ĝi atendas la homon venantan kaj kuraĝe ĝi suferas la morton sen kverelo.

Sed tiu ĉi vulpo kriis. Estis obtuza, kverela sono el mortvundita, konvulsiita brusto, el buŝo, kiu firmege estis fermita de mortigaj preniloj ungegaj. Ne estis laŭta krio, sed turmentita kaj turmentanta, premita kaj terure kverelema krio.

La vulpo kriis, sed la aglo ne ellasis la kapon el la ungegoj. Ĝi nur eligis la ungegojn el la brusto kaj enigis ilin apude, kuntiris ilin, denove liberigis ilin kaj enigis ilin ankoraŭfoje kaj ree. El dek novaj vundoj fluis sango.

Mi sidetis en la kanejo kun obtuza premo en la kapo. Mia koro forte batis kaj ŝvito kovris mian frunton. La suno leviĝis super la kanejo kaj la vulpo ankoraŭ vivis. Ĝi ne plu kriis. Nur ne plu kriu, mi pensis. Sed ĝi kriis ankoraŭfoje kaj tio estis terura.

Nun subite kriis la aglo; ĝi kriis tiel laŭte, ke eĥis la kanejo. Facile ĝi ekleviĝis kun sia viktimo, kiu senstreĉe pendis en ĝiaj ungegoj. Sango gutis el la aero...

Poste mi trovis en la herbo la kaptaĵon de la vulpo: tri junajn vanelojn. Kio nur instigis la aglon, preni la defendeman vulpon ĝuste en tempo, kiam ĉie estis abundo de sendefendaj junbestoj? Kaj kio nur instigis la vulpon, dum la hela tago iri trans la liberan ebenon anstataŭ tra la ŝirmanta kanejo? — Mi ne scias. Sed verŝajne estas, ke en iu vulpejo kriis junaj vulpoj pro la patrino, kiu ne hejmenvenis, kriis pli kaj pli laŭte, ĝis kiam ili malsatmortis. Ja, la naturo ne volas idojn de vulpino, kiu dum hela tago iras trans liberan ebenon!...

**Esperanto ne estas ankoraŭ en tia feliĉa stato, ke ĉiu povu nur tiri el ĝi profiton, ne zorgante pri la bonstato de la afero mem: ni devas kaj dum longa tempo ankoraŭ devos propagandi ĝin, kreskigi ĝin, defendi ĝin kontraŭ malamikoj.**

**D-ro L. L. Zamenhof.**

# PRI LA PLEJ ANTIKVAJ JARMILOJ DE LA AŬSTRIA HISTORIO.

## LA PRATEMPAJ KULTUROJ DE LA ORIENTAJ ALPOJ.

De univ. docento **d-ro R. Pittioni**, Wien. Esp-igis Karl Pokorny.

### La salurbo Hallstatt.

Kun la urnokulturo enpenetris en la Orientajn Alpojn popolo, kiu plej multe helpis al la ekonomia ekspluatebligo de la lando; estis la iliroj, frata popolo de la keltoj kaj ĝermanoj. Ili ne nur iniciatis pliigon de la kuproekspluato, ili ankaŭ estis la iniciantoj de la salminekspluato. Krom Dürnberg ĉe Hallein estis Hallstatt la centro de la salproduktado en la Orientaj Alpoj. La riĉecon de la tiamaj posedantoj de la salminejoj pruvas la kolekto de tomboaldonaĵoj en la viena naturhistoria muzeo: amasego da elbronzaj vazoj, ornamaĵoj, armiloj, kelkaj eĉ el oro. Kiel la ministoj vivadis, oni ne scias, ĉar ĝis nun eĉ ne unu tombo de ministo estas trovita. Sed ekzistas sciigoj pri skelettrovoj en la minejoj, kie oni eble entombigis ilin, kiam ili dum la laboro akcidente mortis. Oni penadis tiam, akiri puran salon en la minejo. Ĝis nun ni ne scias, ĉu dum la Hallstatt-periodo oni produktis salon el salakvo (tiu ĉi procedo nur multe pli poste estis enkondukita tiam, kiam la pura salo en la minejoj maloftiĝis).

Krom la tombejo de Hallstatt ni nur malmulte scias pri tiu centro de la ferkulturo. Eble venontaj esploradoj alportos sciigon pri ĉi tiu tempo, dum kiu oni laŭŝajne ŝatis ornamaĵojn kaj tre solene entombigis la riĉulojn kaj princojn.

En la orientaj liglandoj de Aŭstrio oni ofte rimarkas termontetojn, kiuj abrupte elstaras el la ebenaĵo kaj nuntempe estas kronitaj per kruco aŭ Kalvario-grupo. Temas pri tombomontetoj ŝutamasigitaj ĉirkaŭ ligna tombodomo. Sub tiu ĉi domo mortinto el la tiama tempo estas enterigita kun siaj endomaĵoj, kun manĝaĵoj kaj siaj ornamaĵoj. Malkovrante tiajn tombomontetojn, oni trovas amason da elargilaj vazoj, ankaŭ militarmilojn, kaskon kaj kirason, glavon, gantojn kaj vizaĝomaskon. Certe temas pri tomboj de gentprincoj.

Sed ankaŭ la iliraj estroj malaperis. Ĉirkaŭ 400 a. K. el la okcidenta Eŭropo enpenetris la keltoj; ili okupis ne nur la antaŭalpan landon, sed ankaŭ la plej gravajn orientalpajn produktejojn, kion oni klare ekkonas en Hallstatt.

### La keltaj estroj.

Same kiel Hallstatt sub la ilira regado evoluis al centro de kulturo, tiel nun Dürnberg ĉe Hallein fariĝis centro de la kelta lukso. Tion plej klare vidigas la bela elbronza kruĉo, trovita antaŭ kelkaj jaroj en princa tombo. Elbronzaj kruĉoj apartenas al la plej maloftaj aldonaĵoj en tomboj. Kiu ricevis tian „juvelon“ en la tombon, nepre devis esti altranga distingita persono; eble estis la distriktprinco de la norda Salzburg-lando, honorigita per tiu ĉi kruĉo. Pro la beleco de la formo kaj pro la ornamaĵoj sur la supraĵo kaj sur la prenilo oni povas deklari ĝin kiel speciale eminentan laboraĵon de kelta kupristo. Dum la 4-a kaj 3-a jarcentoj a. K. certe regis ĉe Dürnberg ankoraŭ vigla minista vivo, dediĉita — same kiel en Hallstatt — al salproduktado. La keltoj en la Orientaj Alpoj eble ankaŭ ekspluatis ferminojn. Restaĵoj de altfornoj, konstatitaj en Eisenerz kaj Hüttenberg (Stirio), pruvas rimarkindan staton de teknika kono. Sed ni scias nur malmulte pri la historio de la norika fero tiom laŭdita de romanaj verkistoj.

Dum la tempo de la kelta regado en la orientalpaj landoj okazis gravaj ŝanĝoj. La keltoj interkonatiĝis kun la sudaj altkulturoj kaj transprenis de ili kelkajn proprecojn. Oni rimarkas, ke je la fino de la 3-a jarcento estis uzata la monerstampado laŭ grekaj kaj macedoniaj modeloj. Plue oni transprenis de la romanoj kelkajn elferajn ilojn, kiuj ebligis pli intensan agrikulturon: ekaperis soko, falĉilo, falĉileto; krom tio ankaŭ la unuan fojon la elfera ŝlosilo en formo de hoko. Komenciĝis ankaŭ la urboforma loĝigo laŭ la sudlanda maniero. Sed ekzistas alpaj teritorioj en Aŭstrio, en kiujn la keltoj neniam enpenetris. Tie la ilira vivmaniero konserviĝis kaj la romanoj ne kapablis ĝin ŝanĝi. Nur la ĝermanoj ĉien enpenetris, eĉ en la plej kaŝitajn valojn kaj ĝermanigis ilin ankaŭ laŭlingve.

Mi opinias, ke tiuj ĉi koncizaj priskriboj pri la prahistoria tempo de Aŭstrio klare montras, ke la libera vojo por spekulacio kaj fantazio de esploristoj pri la prahistorio estas tute barita, ĉar pli kaj pli la esploranta ŝpato malkovras la misterojn de la pratempo, kiuj ŝanĝiĝas en historion; estas vere, ne en historion kun tute precizaj jarnombroj, sed tio vere ne gravas.

(Fino.)

# ABISENUJO TRA KALEJDOSKOPO.

Ernst Heinrich Schrenzel.

La unua, per kiu pligrandiĝas la familio de eŭropano en Abisenujo, estas servisto. Li estas rekomendita, prezentas sin, kreskas kvazaŭ el la tero. Ĉie li estas, kie troviĝas eŭropano.

La dua, kiu pligrandigas eŭropanan familion, estas ĉevalo. „Unue“, oni klarigas al novalveninto, „neniu eŭropano en tiu ĉi klimato eltenas pied- la domo, kio estis nenio alia ol azenĉevala kadavro.

La ĉevalo estis starigata en latkeston kaj jam malheliĝis. Sur la firmamento jam montris sin steloj kristalklare brilantaj, kiam mi paŝis en la loĝejon plenplenan de kestoj kaj kofroj, kiuj troviĝis en ĥaosa malordo. Ĝi entute aspektis malhejmece. La fantoma hejme instalis sin ĉe ili unu jaron. Poste mi esperis, ke li pliboniĝis kaj mi rekomendis lin al konato. Tiu lin volis akcepti kaj dungi, sed la junulo diris, li bonfartas ankaŭ sen laboro, li do volas resti ĉe siaj amikoj kiel gasto. Kaj li restis ilia gasto! . . .

* * *



Supre: Sur la ŝoseo Massaŭa-Asmara. — Foiro de Asmara. — Malsupre: Vendistino. — Monŝanĝisto.

iradon. Due oni bezonas ĉevalon pro prestiĝaj kaŭzoj; eŭropano, kiu piedirus, de la indiĝenoj estus malestimata.“ Oni ne demandas, ĉu la novalveninto povas rajdi. Oni simple sidigas lin en selon kaj jen — li estas deklarita kiel rajdanto. La servistoj kaj tiuj, kiuj deziras fariĝi servistoj, kuras ja dekstre kaj maldekstre apud la ĉevalo kaj atentas, ke la fremdulo ne terenfalu.

* * *

Fiere rajdante sur propra ĉevalo, mi atingis mian provizoran loĝejon en domo proksimume en la mezo de la foira placo. Ĵus komencis la vesperkrepusko rapide aperanta. Mia besto timevitis ion malhelan, kuŝantan antaŭ nokto, kiu nun sekvis, ne lasis min trankvila. En la loĝejo oni aŭdis palpadon, movon sub la lito kaj sur la kofroj; ete peza korpo ŝajnis fari saltojn obtuzsonajn. Mi eklumigis la ejon kaj la fantomoj malaperis. Ĉu estis musoj? Aŭ ratoj?

Sed io alia estis ankoraŭ, kio plue fantomis. La sirenaj vokoj de hienoj; laŭ la vokoj tiuj bestoj troviĝis tre proksime, ĉirkaŭ nia domo, en la domo mem.

* * *

Inter mia servistaro troviĝis servisto dektrijara, kiun mi maldungis, ĉar li estis petolema kaj faris eksceson. Li iris al la servistoj de mia najbaro, al kiuj li rakontis pri la diferencoj inter ni. Kaj jen: tie li restis kiel gasto kaj

Iutage haltis eleganta rajdanto antaŭ mia pordego, igis malfermi ĝin per sia servisto kaj trotis en mian korton. Tie li sciigis al mi, restante sur la ĉevalo, ke li estas almozulo, mi do donacu ion al li.

„Donaci mi ne volas ion al vi“, mi diris, sed vi facile povas gajni kvarontaleron, se vi faligas arbon sur mia terposedaĵo!“

„Labori?“ li respondis kun gesto, montranta enuon kaj abomenon, „labori, paĉjo? — Mi ja ne estas gurago (ano de sklavigita gento abisena)!“ — Li turnigis sian ĉevaleton, igis sian serviston, kiu kuris apude, malfermi la pordegon kaj serene forrajdis sub eŭkaliptoj en sunbrilo . . .

„Kial li almozpetas“, tiel oni certe demandos, „se li havas manĝaĵojn kaj trinkaĵon, ĉevalon kaj serviston?“ — Li surhavis burnuson ĉirkaŭ la ŝultroj kaj tenis en mano plumpuŝigilon kontraŭ muŝoj. Li do disponis pri luksaĵoj. Sed li eble volis posedi ankaŭ monon kaj akiri ĝin sen la klopodo, fari nevestojn, imitante per ili tendon, tenitan de vivantaj homoj. Post la saluto kaj kiso — tiamaniere ŝirmite kontraŭ la timita „malbona rigardo“ — malleviĝas la brakoj kaj poste ankaŭ la blankaj muroj, kaj la du rajdantoj kun siaj sekvantaroj pluenmigras.

* * *

akvosurfaco. La indiĝeno naĝante ekleviĝis, sed — mankis al li piedo.

Li estis plenkonscia. Nervoj de abiseno ja konsistas el speciala materialo. Oni kuŝigis lin ĉe la bordo kaj bandaĝis la piedon. Kaj kiam la eŭropanoj zorgis por li, ili diris al li, esprimante elkoran kompaton: „Ho,



Supre: Sur la nov-konstruitaj ŝoseoj inter Massaŭa-Asmara. — Malsupre: Abisena ŝoseo. — Indiĝenaj kabanoj en Massaŭa.

gocon, li simple ne volis esti tute senaga, sed havi ian profesion.

* * *

Du noblaj viroj sur azenĉevaloj kun oraj jungilaroj renkontas sin sur landstrato. Salutas unu la alian per brakumo kaj kiso. Ili faras tion — meze sur la strato — ĉirkaŭitaj de blankaj muroj briletaj; la servistoj, akompanantaj ilin, fulmrapide eklevas siajn ŝultro-

Indiĝenon, kiu migradis kun karavano de germana sinjoro al mi konata, oni insiste avertis pri akvo, riĉa je krokodiloj. Ridetante li respondis, ke en la ujeto, kiun li havas sur „mateb“ (kolrimeno, signo por indiĝeno, kiu agnoskas la kristanecon) ĉirkaŭ la kolo, troviĝas mirakla ŝtono, certe sekuriga kontraŭ krokodiloj. Kaj li do iris en la akvon. Ĝi subite moviĝis, li malaperis, montris sin ruĝa strio sur la

kial vi ne atentis niajn dirojn? Jen via malfeliĉo!“ La indiĝeno suprentiris la ŝultrojn, respondante per malforta voĉo: „Mia ŝtono efikas nur kontraŭ krokodiloj. Mi ja ne povis scii, ke en la akvo troviĝas ankoraŭ io alia...“

Tiujn ĉi skizojn ni tradukis kun afabla permeso de „Büchergilde Gutenberg“, Wien-Prag-Zürich, el la germanlingva libro: „Abessinien, Land ohne Hunger, Land ohne Zeit.“ Ĝi donas superrigardon pri tiu lando, kia ĝi estis antaŭ la okupado de la italoj.

---

# LA TERGLOBO KAJ ĜIAJ 8 DIVERS-SPECAJ GEFRATOJ.

Adalbert von Wallern.

Ĉiu homo, kiu volas, ke oni taksu lin klera, devus scii, ke lia „nutristino“, la terglobo, havas 8 gefratojn kaj ne, kiel multaj emas kredi, tiom, kiom ekzistas astroj sur la firmamento. La brilanta astraro, kiu moviĝas dum noktoj klaraj super niaj kapoj, preskaŭ senescepte ne apartenas al la regno de nia astra familio, nome al tiuj globoj, kiuj turniĝas kune kun nia terglobo ĉirkaŭ la suno.

Ni komencu kun la plej malgranda de la interna vico, kun la rapide moviĝanta

## Merkuro.

Ĝia distanco alsuna estas multe pli malgranda ol tiu de la terglobo. Ĝi ĉirkaŭŝvebas la sunon rapidmaniere. Dum la tero por la ĉirkaŭflugado de la suno bezonas unu jaron, Merkuro finas tiun migradon post 3 monatoj, tiel ke tergloba homo sepdekjara — se li vivus tie supre — estus 280 Merkuro-jarojn aĝa. Vivaĝo de 300 jaroj kaj pli sur Merkuro do ne estus io eksterordinara, kontraŭe, oni tute ne povus aserti pri Merkur-homo, kiu havas 300 jarojn, ke lia aĝo jam konsistas el multaj tagoj, ĉar tagoj ne ekzistas tie supre. Kiel nia luno, tiel ankaŭ Mer-

kuro montras al la suno ĉiam la saman flankon, tiel ke sur unu duono de ĝi konstante regas tago, sur la alia nokto. Ne nur pro tio, sed ankaŭ ĉar sur Merkuro ne ekzistas atmosfero, kiu povus plimildigi kaj egaligi la temperaturdiferencojn, deduktiĝas la fakto por ni groteska, ke sur la tagflanko regas ĉiam kelkcentgrada varmego kaj sur la noktflanko tia malvarmego, kia eĉ ne regas ĉe niaj terpolusoj. Kiel oni vidas: mondo malhejmeca kaj sentaŭga por vivestaĵoj de nia speco.

La sekvanta planedo kaj tamen tute diferenca de Merkuro estas la

### Venuso.

Inter ĉiuj gefratoj ĝi plej multe similas al nia terglobo je grandeco kaj karaktereco. Ĝi estas nur iom pli malgranda ol nia globo, sed ĝiaj elementaj substancoj havas pli malaltgradan densecon ol nia tero masiva, formita el ŝtonoj kaj likvaj metalaĵoj. Dirite per nombroj, Venuso havas 4.86-oblan densecon de la akvo, la tero la 5.60-oblan. Sendube la restado sur Venuso estus por ni apenaŭ tolerebla. Ĉar ĝi estas al la suno multe pli proksima ol la tero, sur ĝia supraĵo regas temperaturoj, superantaj tiujn de la afrika dezerto Saharo je 40 ĝis 50 gradoj laŭ Celsius. Tamen ni eĉ ne povus sunbruniĝi tie supre, ĉar la suno estas konstante vualita per nuboj kaj haladzo, kiuj neniam disiĝas. Oni opinias, ke Venuso troviĝas en evolua stato kiel nia terglobo antaŭ kelkaj milionoj da jaroj. Estas eble, ke tie supre grandegaj saŭroj kaj kirassaŭroj rampas tra arbaroj skatoltrunkaj kaj furioze interbataladas kiel ĉe ni dum la pratempo de la terglobo. La Venus-jaro estas multe pli mallonga ol nia; ĝi daŭras nur 7 monatojn. Ĉu ekzistas tagoj tie, tion ni ne scias, ĉar la densa nubaro malhelpas nin konstati, ĉu tiu planedo ankaŭ turniĝas ĉirkaŭ sia akso aŭ ne.

Sekvas nun planedo, kiu eble plej multe okupis la homan fantazion: la

### Marso.

Ĝi estas pli malproksima al la suno ol la tero kaj pro tio regas sur ĝia supraĵo malvarmeto nehejmeca. Ĝia diametro mezuras proksimume la duonon de la tergloba diametro kaj la volumeno eĉ estas nur iomete pli granda ol la dekona tergloba volumeno. Se Venuso simbolas la estintan staton de la terglobo, Marso montras al ni tiun staton, en kiu nia globo iutage troviĝos, nome tiam, kiam ĝi estos maljuna, laca kaj malvarmiĝinta. Certe Marso konas periodojn pli varmajn; ŝanĝiĝas ja la sezonoj sur ĝia supraĵo simile kiel ĉe ni. Sed laŭŝajne regas tie meza temperaturo de proksimume nul grado. Ankaŭ la pejzaĝo sur Marso verŝajne ne hejmece impresus, ĉar estas deduktebIe, ke granda parto de ĝia supraĵo estas kovrita per rigidiĝinta lafo kaj la grandegaj glaciejoj kaj glaciodezertoj malebligas la evoluon de vivo simila al tiu sur nia globo. Krom tiuj malhejmecaĵoj mankas sur Marso diference al Venuso — la nuboj preskaŭ tute, kaj la atmosfero estas tiom maldensa, ke temperaturdiferencoj certe estas subitaj. La Mars-jaro estas preskaŭ duoble longdaŭra ol nia, tiel ke homo, kiu estus atinginta tie aĝon de 50 jaroj, ĉe ni estus jam centjarulo. Strange estas, ke Marso havas 2 lunojn. Ĝi diferenciĝas per tio ne nur de nia globo, sed ankaŭ de la planedoj jam menciitaj, kiuj ne havas trabantojn.

Ni volas nun forlasi Marso-n kaj image migri al la plej granda de ĉiuj planedoj, al la giganta

### Jupitero.

Por formi ĝian grandegan korpon, oni bezonus 1300 terglobojn. Ĝi bezonas 12 jarojn por unufoje ĉirkaŭmigri la sunon, de kiu ĝi distancas tiom malproksime, ke ĝi apenaŭ partoprenas je ĝia varmo kaj ĝi nur malmulte estas lumigata de ĝi. Ni nenion scias pri la formo de ĝia supraĵo, ĉar, simile al Venuso, ĝi estas ĉiam kovrita per nubovualo tiom densa, ke eĉ la novaj „infra“-ruĝaj lumfotografradioj, kiuj malkovras tiom multajn sekretojn de la tergloba atmosfero, ne povas trapenetri ĝin. La vivo sur Jupitero eble estas por estaĵoj, kiaj ni estas, same neebla kiel la vivo sur Marso. Nur la fakto, ke ĝi parton de la mankanta sunvarmo anstataŭas per propra varmo, rajtigas nin al la konjekto, ke tamen ekestiĝis kelkiu vivo sur ĝi. Kiom ajn malhejmeca la tiea mondo estas por nia imageblo—homo, kiu eble vivus tie supre, troviĝus en mirakla mondo, kiu pli grandioza kaj pli fabela ne estas elpensebla. Jupitero estas ĉirkaŭata de 10 lunoj diverskolore lumantaj kaj ĉirkaŭmigrantaj ĝin kiel eternaj lampoj sur ĝia firmamento. Unu el tiuj lunoj estas preskaŭ tiel granda kiel nia terglobo kaj kelkaj astronomoj opinias, ke ĝi laŭ la kvalito ŝajnas taŭgi por estaĵoj kiel ni.

Alia, same giganta membro de la suna familio estas la

### Saturno.

Nur post $29^1/_2$ jaroj (terglobaj) tiu planedo, ne multe pli malgranda ol Jupitero, finas sian vojon ĉirkaŭ la suno, de kiu ĝi eĉ pli distancas ol la antaŭe menciita planedo, tiel ke ĝi eble estas pli malvarma, pli malhejmeca ol la reĝo de la planedoj. Ĝi ĝuas apartan rangon inter siaj samspeculoj, nome per tio, ke ĝi estas ĉirkaŭata de lumringo elipsa, pri kies substanco oni longtempe ne havis klarecon. Sed nuntempe oni scias, ke tiu ringo konsistas el eroj de unu aŭ pluraj kreviĝintaj lunoj, eroj, kiuj dum konstanta reciproka interfrotiĝado ĉiam pli kaj pli dissplitiĝas kaj estas altirataj de la planedo, tiel ke ĝia supraĵo estas almetata al seninterrompa kanonado de ŝtonaĵoj. Krom la lumringo Saturno havas naŭ lunojn sendifektajn, kiuj eble iomete heligas la mallumon de ĝia regno.

La ringo, ĉirkaŭanta ĝin, memorigas nin pri la estonteco de nia terglobo, ĉar ankaŭ nia luno ĉiam pli kaj pli alvenas en la spacon de la tergloba gravitacio kaj iun tagon ĝi disrompiĝos en milionoj da partoj, kiuj formos ringon, similan al tiu de Saturno. Cetere ni malmulte scias pri Saturno, kies distanco de la tero estas tro granda por esti konsiderata kiel observobjekto favora.

En pli alta grado tio ankaŭ validas pri la eĉ pli malproksimaj membroj de nia planeda familio, pri

### Uranuso, Neptuno kaj Pluto.

Uranuso finas sian vojon ĉirkaŭ la suno post 84 terglobaj jaroj. Ĝi do evidente estas korpo, troviĝanta en eterna mallumo kaj malvarmeco. Ĝi havas 4 lunojn; ĝia plej proksima najbaro ekstera — Neptuno — havas nur unu lunon. Neptuno bezonas tutajn 164 jarojn por ĉirkaŭvoji unufojon la sunon. Por ni homoj terglobaj tio estas imago groteska, ĉar la menciita fakto signifas, ke, sub la premiso, ke dum la nunaj tagoj sur tiu malproksima planedo estus la Novjarfesto, ĝia lasta Novjarfesto okazis jam en la jaro 1772. Eĉ pli groteskaj estas la tempomezuroj sur la lasttempe malkovrita, plej ekstera membro de nia sunosistemo, sur la malgranda Pluto, kiu bezonas kvaronan jarmilon por fini la vojaĝon ĉirkaŭ la suno.

### Ideala ordo en la sunosistemo.

Malgraŭ ĉiuj diferencoj, kiuj rimarkiĝas ĉe la infanoj de la suno, ŝajnas, ke ili ĉiuj estas gvidataj de spirito ordiganta. Ĉiuj moviĝas en la sama direkto ĉirkaŭ sia patrineca centro, neniam ŝanĝante la rapidecon de sia moviĝado kaj neniam malhelpante unu la alian dum sia vojaĝo. Ilia plej grava leĝo ŝajnas esti harmonio, nepra kaj senkondiĉa akordo en la

---

**Al niaj ŝatataj eksterlandaj geabonantoj!**

Al tiu numero ni aldonas donace la belegajn varbilojn pri Aŭstrio eldonitajn de „Österr. Verkehrswerbung“, Wien III., Am Heumarkt 10. Ni kore kaj sincere dankas al tiu oficejo tiom favora al nia kara lingvo.

---

kadro de plej alta ordo. Neimagebla potenco kreis ilin kaj sindonaj al la leĝoj de tiu potenco ili faras iliajn rondojn, unu grandan, alia pli malgrandan, ĝis ili ĉesos ekzisti.

Esperantigis Annerl-Jagschitz
Gr.-Gerungs (Aŭstrio).

# ĈU NUR FAME-KONATAJ REGIONOJ ESTAS BELAJ?

A. A. **Dittrich**, Hirschbach, Aŭstrio.

Denove komencis la belaj, varmaj somertagoj kaj per ili la tempo, dum kiu la urbanoj, bezonantaj refreŝiĝon kaj sopirantaj al bona, saniga aero, volonte forlasas la urbojn, por pasigi urbmalproksime feriojn, libertempon. Ankaŭ la malmultaj liberaj horoj semajnfine ofte estas uzataj por migradoj en la belan naturon. La publikaj trafikrimedoj intensmaniere devas servi, transporti la homojn aliloken. Tiu intensa trafiko kompreneble unuavice donas al tiuj regionoj avantaĝojn, kiuj situas ĉe la ĉefaj trafiklinioj aŭ kies pejzaĝaj belecoj estas konataj, respektive kiuj allogas pro farita reklamo. Ankaŭ la ekzistanta eblo por sporta okupado tiurilate ludas rolon.

Tamen ekzistas regionoj, kiuj povas pretendi por si, esti nomataj belaj, belegaj, sed kiuj estas tro malmulte konataj. Pri tia regiono ĉi tie estu rakontata. Temas pri la regiono Malsupra Mühlviertel en Supra Aŭstrio, norde de la Danubo. Ĝi estas tro malmulte konata pro tio, ĉar la trafiklinioj tien ankoraŭ ne abundas. La seriozkaraktera beleco de tiu ankoraŭ „netuŝita“ arbarkaj montarregiono entuziasmigas ĉiun naturgajan vizitanton.

Tie, kie la Danubo nur je la maldekstra flanko apartenas al Supra Aŭstrio kaj post nelonga distanco elfluas tiun landon, tie situas la traiga valo de Strudengaŭ, riĉa laŭ pejzaĝaj belecoj kaj historiaj memorindaĵoj. El tiu valo kondukas stratoj en krutaj kurbiĝoj alten kaj en la direkton al la regiono de Mühlviertel. Unu el la plej romantikaj vojoj inter Grein kaj Sankta Nikola kondukas tra Gießenbach-valo supren al Stillen-Stein-Klamm (intermontaĵo); samranga al ĝi estas la intermontaĵo inter Klamm kaj Baumgartenberg.

Same alloga kaj rekomendinda estas migrado tra Naarn-valo. Jam norde de Perg, la serenaspekta vilaĝego ĉe la rando de Machland-ebenaĵo, antaŭenŝoviĝas egaj granitrokoj al la bordoj de la Naarn-rivero, parte donante lokon nur al la fluanta akvo kaj al la tiea bonorda strato. Venante pli kaj pli en la malnovan nordarbaron, montras sin al la naturamiko konstante ŝanĝiĝantaj ĉarmaj bildoj. Sed li ankaŭ rimarkas diversajn konstruaĵojn bordŝirmantajn, destinitajn por faciligi la lignonaĝadon sur la Naarn-rivero. Vidindaĵo estas la paŝtejaĵo en la Kammleiten-intermontaĵo, kie la Kammleiten-rivereto entute malaperas sub roko de rokfendego kaj daŭrigas sian fluadon subtere, dum la lignaj ŝtipoj, transportataj sur la akvo, estas puŝataj tra unu kilometron longa lignokanaleto, kiu kondukas en granda kurbiĝo kaj parte alte super la valo trans la nepaseblan intermontaĵon.



Freistadt (Supra Aŭstrio). Foto Obermayr, Freistadt.



Se aliaj regionoj estas prikantataj en kantoj pro siaj multaj kasteloj, oni povas diri, ke Mühlviertel tiurilate ne meritas esti menciita lastvice, ja oni eĉ povas nomi ĝin: kastelregiono de Supra Aŭstrio. Kiel lima teritorio ĝi estis dum la mezepoko riĉa je grandaj kaj etaj kasteloj. Nun la plej multaj jam disfalis kaj iliaj pentrindaj postrestaĵoj kelkloke valenrigardas el intensa arbarmalhelo.

Migranto, suprengrimpanta kreston de unu el la montarĉenoj de tiu granita alt-ebenaĵo, ĝuas korĝojigan rigardon en la vastan ĉirkaŭaĵon. Antaŭ li kuŝas en sudo la Machland-ebenaĵo, la arĝenta rubando de Danubo kaj malantaŭe la supre- kaj malsupreaŭstria alpregiono. En nordo okulfrape eklevîĝas el la proksimaj arbokovritaj montetoj tiu de Vieh-monto.

Ankaŭ por la amiko de l' artoj ekskurso en la regionon de Mühlviertel, tiom riĉa je artaĵoj, estas rekomendinda. Unue devas esti menciita la lignoskulptita altaro de Kefermarkt, kiun oni denove brilrenovigis. Ĝi estas artaĵa juvelo, sed entute ne la sola de tiu speco en la priskribita regiono. La preĝejeto de Waldburg enhavas eĉ tri gotikajn lignoskulptitajn altarojn, menciindajn ankaŭ pro tio, ĉar ili nur pasintjare per gasumado kaj akurata korektigo estas savitaj el la danĝero de tuta ruiniĝo per la lignovermo.

Kiu vizitas Waldburg, veninte el Freistadt, tiu estu atentigita pri la granda, ankoraŭ nun ekzistanta viadukto de iama ĉevalfervojo. Sed li ankaŭ ne preterlasu la ŝancon, viziti la proksiman, pentrinde situantan lokon Hirschbach, kiun oni nomas: Heiligenblut de Supra Aŭstrio.

En la malvasta teritorio inter Kefermarkt, Waldburg, Rauhenöd kuŝas la malnova negocurbo Freistadt. Dum irado ĉirkaŭ la urbo ni vidas malnovan murzonon, preskaŭ entute ankoraŭ ekzistantan, kun pordego kaj angulturoj, kun remparo kaj fosaĵo. La defendaĵo el la pasinteco, estanta ankoraŭ

en bona stato, kaj la malnovaj burĝdomoj kun balkonaĵoj, frontonoj kaj pentrindaj kortoj — ili igas Freistadt al la plej bone konservita urbo mezepoka de la lando. La riĉenhava urbmuzeo estas vidindaĵo.

Kiu atente migradas tra Malsupra Mühlviertel, ankaŭ havas okazon, vidi plej diversajn tipojn de malnova popolarto. Menciindaj estas la ofte abundaj lignoornamaĵoj sur multaj kamparanaj domoj, sur pordoj, sur ĉevronoj, sur plafonoj ktp. Artstilajn forĝaĵojn ni vidas kiel fenestrajn kradojn, pordajn frapilojn, ventindikilojn en flagformo, bildstatuetojn kaj tombokrucojn.

Kiu do vizitos Malsupran Mühlviertel, tiu konvinkiĝos, ke ĝi estas vere bela, ĉarma regiono, inda al pli da atento.

---

**Frukto de nia stila tasko „Travivaĵoj kun bestoj":**

# LA MILITĈEVALO HANS.

Estis en Galicio (apartenanta al nuna Polujo), komence de la mondmilito, dum marŝo returnen. Diversloke amasiĝis veturiloj kaj ĉevaloj mortaj; ĉevaloj, kiuj ankoraŭ vivetis, ricevis suferĉesan pafon, por ke la antaŭenmarŝantaj rusoj ne ekposedu ilin.

Jen: renkontenvenis ĉevalaĉo, malgaje trotanta. Ĉu ĝi serĉis lokon por trankvile morti? — Sur ĝia kolhararo pendis ŝnurligita ligna tabuleto kun inkkrajona skribaĵo. Mi rigardis kaj legis: „Mi estas emerita militĉevalo, juna veterano; mia nomo estas Hans!"

„Strange", mi pensis, „tio estas ĉevalo, kvankam aĉa, tamen ankoraŭ taŭga por la vivo!..."

Kiam mi rigardis ĝin, la besto levis la kapon, kvazaŭ ĝi petus: „Bona homo, helpu min! Ne ĉesigu mian vivon!"

„Nu, bone," mi diris al mi mem, „servu al mi, al miaj kamaradoj!..."

Laŭ la denta kalendaro ĝi havis ses jarojn. Por morti ĝi estis do ankoraŭ tro juna ĉevalo!

„Kontentiĝu, militkamarado", mi nun parolis al ĝi, „ankaŭ mi kun miaj 23 jaroj ne emas jam morti!"

La ĉevalo do estis dungita, por ke ĝi portu niajn tornistrojn. Alterne — laŭvice — tiu kaj tiu kamarado de nia kompanio surdorsigis al ĝi sian tornistron. Tri pendis ĉiam dekstre kaj tri — kunkupligite — maldekstre. Por la nutrigo de la besto ni kompreneble devis zorgi. Aveno kaj fojno ne apartenis al la ĉevala menuo; ĝi konsistis nur el foliaro kaj herbaĵo.

Estis ĝojige, havi inter ni kvargamban militkamaradon. Ĝi havis sinceran kaj kamaradecan manieron, kiu ofte povis esti modela por militkamaradoj dugambaj. Pacience kaj trankvile ĝi trotadis apud ni. Lacaj kaj malfirmaj estis ĝiaj paŝoj. De tempo al tempo la kaduka ĉevalkorpo elpetis paŭzeton por ripozi.

„Nu, Hans, klopodu kunmarŝi kun ni! Ne postrestu! Vi scias: malantaŭe estas murdemaj ĉevalekzekutistoj! Ĉe ni vi estas en bonaj, sekuraj manoj! Venu do, Hans, venu!"

Kelkaj karesaj manbatetoj sur la kolon, kaj la ĉevalo obeeme, kvazaŭ kompreninte ĉion, ekpaŝis. Ĝi paŝaĉis pro malfirmaj hufoferoj, ĝi lamiradis pro verŝajna reŭmatismo aŭ pro iskiatiko.

La ĉirkaŭo ĉe la kolfino estis vunda kaŭze de veturiltiregado kaj kaŭze de intense frotiĝinta jungilaro. Nun ĝi ne plu devis tiri veturilon kaj ne plu porti tiun jungilaron. Jodon ni ne havis, por antisepti la vundon, kiu ĉirkaŭrandis la kolfinon, sed urino devis helpi; ĝi ankaŭ estas antisepta kaj kuracpova.

Kia agrabla sento estis por ĉiu el la kompanio, havi okazon, unu horon dum la tago marŝi sen tornistro! Kia plezuro, kia ĝuo estis tio!

Tiel Hans rapide konkeris la korojn de ĉiuj kompanianoj kaj ĝi vere fariĝis nia karulo.

Sed en la kompanio troviĝis samspeculo — fiera, inteligenta, bonnutrita ĉevalo, kiu ne devis porti tornistrojn kiel Hans. Ĝi portis kapitanon. Tamen: la ĉevala moŝto ĵaluzis kontraŭ nia ĉevalplebano; ĝi ĵaluzis pro la abundo da karesoj.

Iutage Hans malsaniĝis je nazkataro. Dikamase fluadis muko el ĝiaj naztruoj. Hans fariĝis malĝoja, manĝmalema, marŝmalkapabla.

La bonnutrita samspeculo intrigis, konspiris kontraŭ Hans, la bedaŭrindulo. Kvazaŭ la ĉevala moŝto estus inspirinta la kapitanon: „Tiu ĉi malsano estas infektebla ĉevalmalsano — forigu tiun beston el mia proksimo!", iutage — dum marŝpaŭzo — la kapitano elparolis la mortverdikton por nia Hans. Tiu verdikto, kontraŭ kiu ni ne rajtis protesti aŭ apelacii, tiu verdikto kaŭzis al ni korpremon kaj kompaton por Hans.

Laŭ ordono ni kondukis la ĉevalon, nian bonan kamaradon, flanken. Hans frapetis per sia dekstra hufo la teron. Ĉu ĝi petis, ke oni lasu ĝin vivi? Aŭ ĉu ĝi antaŭdankis pro la suferĉesiga pafo?

Adiaŭ, Hans, bona militkamarado!

Ses pafiltuboj direktiĝis kontraŭ la ĉevalo kaj ses fingroj ekpremis la ĉanojn...

Raimund Leber,
Wiener-Neustadt, Aŭstrio.

# LA FABLOJ.

La saĝuloj el la malnova tempo elpensis bonan rimedon por montri al la homoj la veron sen la neceso, ĝin esprimi en maniero maldelikata. Nome: ili prezentis al la homoj spegulon mirigan, en kiu videbliĝas bestoj diversspecaj, agantaj en plej diversaj, plej amuzaj manieroj. Tiuj videblaĵoj nomiĝas: fabloj.

Kiel la bestoj kondutas — ĉu en stulta aŭ saĝa sencoj — pri tio la homoj pensu laŭplaĉe. Ĉiukaze ili ankaŭ povas pensi: Tiu aŭ tiu konduto besta ja rilatas al mi, koncernas min!...

* * *

## VIRKATO, KIU FORLASIS SIAN EDZINON.

Laŭ Herand von Wildon.

Virkato malŝatis sian edzinon. Iutage ĝi forlasis ĝin kaj svatis la sunon, ĉar la virkato deziris edziĝi kun la plej potenca estaĵo ekzistanta. Sed la suno sendis ĝin al la nubo, kiu estas pli potenca ol ĝi, nome pro tio, ĉar ĝi povas haltigi la radiojn de la suno.

La kato do venis al la nubo, sed la nubo montris al la vento, ĉar la vento ja povas disigi la nubon.

Jen: ankaŭ la vento ne sentis sin la plej potenca. „La muro ĉiam ĉesigas mian kuradon. Ĝi estas pli forta ol mi!" Tiel la vento respondis al la flatado de l' kato.

Nu, la besto nun turnis sin al la muro. Sed la muro klarigis al la virkato, ke la muso disponas pri pli multe da potenco. „Pripensu nur", diris la muro, „tiu besteto povas subfosi kaj faligi min! Pro tio mi rekomendas al vi: iru al la muso!"

Kiam la kato deziris viziti la muson, ĝi tuj fugis en sian truon. Kaj de tie ĝi respondis al la edziĝpeto de la kato: „Ho, mi ne indas al vi, ĉar vi kaj via edzino estas ege pli fortaj kaj pli potencaj ol mi! Via forlasita edzino nur antaŭ du horoj formanĝis mian plej bonan amikon. Foriru kaj ree edziĝu kun la katino! Cetere mi supozas, sinjoro virkato, ke vi deziras min manĝi kaj nur tial vi tiom flatas! Foriru — foriru — mi ne ŝatas vin!"

Aŭdante tion, la virkato ekkonis sian nepripensitan agon. Rapide ĝi nun kuris al sia eksedzino. Afable kaj dolĉmiene ĝi flatis, dorlotis ĝin.

La katino kompreneble montris sin ofendita kaj fiera, sed fine ĝi volonte paciĝis kun sia edzo.

Tiel okazis, ke la virkato neniam plu malŝatis sian edzinon.

Libere rerakontis J. Wiesböck.

---

**La venonta numero de „Verda Revuo" aperos la 22-an de septembro 1937.**

## KIO ESTAS AŬDEBLA, SE . . .

Certe vi ankoraŭ memoras, ke ni en la januara numero de nia revuo demandis nian legantaron pri 8 punktoj, kiujn ni sube ripetas, samtempe aldonante la respondojn de anoj el 9 nacioj.

| | Kiel krias virkoko? | Kiel sin aŭdigas la galopado de ĉevaloj sur la strato? | Kia brueto estas aŭdebla, se oni faligas silikŝtonon en barelon plenan de akvo? | Kion vi aŭdas, se vi verŝas akvon el botelo? | Kiel sin aŭdigas pendola horloĝo? | Kio estas aŭdebla, se vi kuŝigas unu moneron post alia sur tablon? | Kia brueto estas aŭdebla, se vi batas per manplato sur la supraĵon de l' akvo? | Kion vi aŭdas, se vi disrompas lignan bastonon? |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **Anglo** | Koker-doodldoo! | Klipertiklop! | Plopp | Gugelugel-ugel | Tik-tok | Ĉink, ĉink! | Ŝplaŝ! | Kr-r-ak! |
| **Aŭstralo** (mankas la sciigo pri la nacieco) | Kerikik! | Rapraŭp! | Plonk! | Pulbul | Tokatik | Cint, cint! | Blaŝ! | Krak! |
| **Ĉeĥo** | Kukurikuu! | Trap! Trap! | Blunk! | Kap, kap; ankaŭ: glukgluk | Tik-tak | Brzink, brzink! | Plaĉ! | Prask! |
| **Franco** | Kokoriko! | Patata-patata-patata | Fluk! | Glu-glu-glu | Tik-tak | Klik! | Flak aŭ Plaf! | Krak! |
| **Germano** | Kikerikii! | Trapp, trapp! | Plumps! | Gluks-gluks | Tik-tak | Klaps, klaps! | Paĉ; ankaŭ klaĉ! | Kraĥ! |
| **Italo** | Kikiriki! | Trap, trap! | Plumps; ankaŭ tonfetetunfete! | Glogloglo; ankaŭ: glukgluk | Tikitik-tikitak | Tak, tak! | Paĉ; ankaŭ tafete-pafete! | Krak! |
| **Polo** | Kukurikuu! | Tent, tent! | — | Bulbulbul | Tik-tak | Dĵvienk; ankaŭ bĵenk! | Plusk! | Tŝask! |
| **Nederlandano** | Küklekü! | Kletterde-kletter! | Plous! | Klok-klok-klok! | Tik-tak | — | Klets! | Krak! |
| **Svedo** | Kukelikú! | — | Plums! | Plup, plup! | Tik-tak! | Kling, klang! | Plask! | Kraŝ! |

### Solvo de Reĝoŝova problemo

el la n-ro 6/1937: „Kun Verda Revuo en Danlandon“.




## EL ESPERANTUJO

**Anglujo.** La Londona Federacio havas nun 17 grupojn kun preskaŭ 600 membroj. En pasintjara septembro Federacio presigis kaj disdonis propagandcele 10.000 broŝurojn.

**Aŭstrio.** De la estraroj de AEF kaj AEA estis kreita Reprezenta Komitato (RK) de la aŭstria esperantistaro, por progresigi per lojala kunlaboro la tutaŭstrian E-movadon. — Ekskurson al Bratislava (ĈSR) aranĝis AEF interkonsente kun RK. Partoprenis 300 personoj. — En la Popol-altlernejo, XVI., Ludo-Hartmann-Platz 7, okazos denove ĉiumarde kaj ĉiuvendrede je la 18-a—19-a E-kurso por komencantoj. Komenciĝo la 28-an de septembro. Monata kurskotizo 80 g, por senlaboruloj 50 g. — La kunvenejo de Katolika Unuiĝo E-ista ne plu estas I., Ebendorferstr. 6, sed I., Stefansplatz 3/II (Reichsbundheim). Dum la ferioj ne okazos kunvenoj. — En Linz aranĝis Supra-aŭstria E Societo sian 11-an ĝeneralan kunvenon. Okazis 50 klubvesperoj kun 786 vizitintoj, krome 2 festvesperoj kaj 3 kursoj. Prezidanto fariĝis dir. Wanneck.

**Brazilio.** Oni baldaŭ fondos novan superan lernejon, nome „Brazilian E Instituton“. En ĝi funkcios senpagaj kursoj por E. — Aperos dum tiu ĉi jaro speciala oficiala poŝtmarko de la brazila poŝto, por memorigi pri la Ora Jubileo de E.

**Ĉeĥoslovakio.** La societo „Klub Ženské národní rady“ en Praha aranĝis la 2-an de junio publikan vesperon, dediĉitan al propagando de E inter virinoj. Unue parolis s-anino J. Šupichovà pri „Ĉeĥoslovakaj virinoj kaj E“, poste sekvis provleciono laŭ Ĉe-metodo de s-anino M. Adàmkovà. Inter la partoprenantoj estis ankaŭ membrino de ĉeĥoslovaka parlamento senatanino F. Plamìnkovà, kiu tre favoras E-on. — La Antaŭkongreso de la Jubilea Kongreso okazos la 5-an kaj la 6-an de aŭgusto en Praha. Neniu speciala kotizo. Fervoja rabato por kongresanoj. Senpagajn E-broŝurojn pri Ĉeĥoslovakio kaj ĉiujn detalajn informojn sendas Prepara Komitato, Praha 47, Uralské 9. — La poŝta ministerio eldonis novajn korespondaĵkartojn kun devizo „Ekkonu vian patrujon! Propapandu ĝiajn belecojn helpe de la poŝto!“ Esperantista Klubo en Lázně Bělohrad sukcesis, ke la ministerio eldonis ankaŭ korespondaĵkarton kun bildo de tiea „Aleo D-ro L. L. Zamenhof“ kaj kun la surskribo en ĉeĥa kaj esperanta lingvoj.

**Finnlando.** Kiel prezidanton de la tutlanda E Asocio de Finnlando oni denove elektis la konatan profesoron de altajaj lingvoj s-ron G. J. Ramstedt.

**Francujo.** En la kadro de la Pariza Internacia Ekspozicio okazis konferenco „E en la moderna vivo“, kiu unuigis 600 reprezentantojn de 22 nacioj. La konferenco okazis sub la protekto de s-ro A. Lebrun, prezidanto de la franca respubliko. En la patrona komitato estis 21 parlamentanoj kaj pli ol 100 eminentaj personoj. — La nunjara Foiro de Paris krom diversaj naciaj lingvoj, ankaŭ oficiale uzas E-on.

**Litovujo.** Antaŭ unu jaro „Asocio por liberigo de Velnius“ en Kaŭnas eldonis E-lingvan broŝuron kun la titolo „Nia batalado“, kiu jam post kelkaj monatoj elĉerpiĝis. La asocio ricevis pli ol 5000 leterojn kaj poŝtkartojn el tutmondo. Pro tio la litova registaro decidis, eldoni artan broŝuron en E pri Litovujo.

**Nederlando.** Jam dum du jaroj la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la nederlanda lingvo prizorgas seninterrompe radio-elsendojn (ĉiusabate posttagmeze) per la stacio Hilversum 1. La elsendoj dum julio estas sub la signo de la jubileo de E. La 24-an de julio okazos tuthora E-elsendo kun tre interesa kaj aŭskultinda programo. Oni raportu pri tiu elsendo al radiostacio V. A. R. A., postbus 50, Hilversum.

**Norvegujo.** Norvega E-ista Ligo prezentis ĝojigan jarraporton: membrostato 500, kursoj kun 400 personoj kaj 7 radioparoladoj. Ĝi donos ekzempleron de Enciklopedio al tiu klubo, kiu dum 1937 pleje progresos kompare al la stato je 31. XII. 1936.

**Polujo.** La nova adreso de LKK estas Varsovio, Al. Jerozolimskie 39. Anoncu vin tuj kiel kongresanon! — Generalo Tadeusz Kasperzycki, la milit-ministro de Polujo, estas esperantisto.

**Svisujo.** Depost 1-a de septembro 1937 la sidejo de UEA (Ĝenevo) troviĝos en la belega „Palais Wilson“, kiu estis ĝis 1936 la sekretariejo de la Ligo de Nacioj. — UEA aperigis en sia organo „Esperanto“ ampleksan dokumentaron pri „La disrompo de la neŭtrala movado“. Tiuj komunikoj montras klare, ke per bona volo kaj provo adaptigi UEA-on al la nunaj cirkonstancoj, la skismo ne estus devinta okazi.

**Usono.** E Asocio de Norda Ameriko klopodas atingi la eldonon de jubilea E-poŝtmarko. Tiucele ĝi petas la ĉiulandan s-anaron helpi per la sendado de leteroj kaj poŝtkartoj al Postmaster General, Washington, Usono, por ke la usona poŝtadministracio eksciu pri la interesiĝo de la tutmonda esp-istaro. — En Nov-Jorko E estas nuntempe instruata en 6 lernejoj kaj kolegioj. Ekzistas en Nov-Jorko ankaŭ E-klaso por junaj skoltoj.

## BIBLIOGRAFIO

Duope ricevitajn verkojn ni recenzas, unuope ricevitajn ni nur mencias.

**Esperanto en la servo de propagando kaj turismo.** La Internacia Ekspozicio de Artoj kaj Teknikoj en la Moderna Vivo, Paris 1937, aperigis broŝuron en E kun belegaj ilustraĵoj kaj planoj de la Ekspozicio.

Foiro de Paris eldonis ilustritan E-faldprospekton kaj aliaj E-presaĵojn.

Vizitu la urbon Jičin kaj rokaron de Prachov! titolas multkolora, arta afiŝo (1 m x 61 cm), eldonita de la Ŝtata Fervojaro ĉeĥoslovaka.

La turisma sekcio de la ĉeĥoslovaka komerca ministerio en Praha I, ĵus eldonis belege ilustritan prospekton kun a titolo „Vizitu Ĉeĥoslovakion!“ Ĝi estas unu el la plej belaj propagandiloj, kiujn ni lasttempe ricevis.

La Internacia kaj Kolonia Foiro de Marseille, 7, Quai des Belges, Francujo, aperigis en E invitilojn kaj belaspektajn glumarkojn. La foiro okazos dum septembro.

Pri Aŭstrio aperis 40-paĝa broŝureto, kiu estas belege ilustrita. Estas vere ĝojo posedi ĝin. Spirite oni povas migri tra la belegaj liglandoj de Aŭstrio kaj sincera sopiro al tiuj admirindaj pejzaĝoj kaptos ĉiun. Tiun posedindan broŝuron kaj krome belaspektan flugfolion eldonis Österr. Verkehrswerbung, Wien III., kaj estas senpage haveblaj de Internacia E Muzeo, Wien I., Neue Burg, Aŭstrio.

La fervora E-klubo en la famekonata banloko Lázně Bělohrad aperigis gazeton en ĉeĥa lingvo, en kiu la klubo raportas, kiom gajnis tiu vizitinda banloko helpe de E.

## KORESPONDADO-ANONCOJ

Niaj ŝatataj abonantoj rajtas senpage publikigi anoncon (ĝis 3 linioj) unufoje dum jaro. Plua anonceto 50 g (1 respondkupono).

Mallongigoj: L = letero, PK = poŝtkarto, PI = poŝtkarto ilustrita, PM = poŝtmarko.

**Wichtl G., Blumaŭ** apud Felixdorf, Aŭstrio, sendos por 500 PM el via regiono 300 PM tute malsimilajn.

**Weber Eduard, Wien** VII., Kaiserstr. 92, Aŭstrio, deziras korespondi per PI kun tutmondo. Afranku filatele!

**Reis Johann, Wien** VII., Kaiserstr. 92, Aŭstrio, deziras korespondi kun tutmondo. Certe respondos.

**Schweh Emmerich, Bratislava,** Dynamitkolonie, ĈSR, deziras korespondi kun tutmondo per PI kaj L.

**Skult Cecilia** (juna fraŭlino), Duvnäsgatan 5. B. II, **Stockholm,** Svedujo, deziras korespondi kun tutmondo.

**Unu Förbom** (15-jara), Aland, Lemland, **Hellestorp,** Finnlando, deziras korespondi kaj interŝanĝi PM. Certe respondos.

**Gasselseder Franz,** telegrafisto, **Wien** XIX., Geistingerg. 1, 4/8, Aŭstrio, deziras korespondi per PI kun tutmondo. Nepre respondos.



Herausgeber: Hofrat Dr. Franz Wollmann, Landesschulinspektor i. R., Wien, VIII., Albertgasse 10. Eigentümer, verantwortlicher Schriftleiter und Verleger: Franz Scheibenreiter, Hauptschullehrer, Wien VII., Hermanngasse 31/26. Druck: Edmund Lanzendörfer, Wien, VI., Nelkengasse 2.

# Kara amik(in)o!

Vi jam longe deziras interesan, amuzan kaj instruan gazeton. Jen **senkosta provnumero** de la plej malmultekosta revuo pri arto, scienco kaj amuzo

# „VERDA REVUO“

Ĝi estas riĉe ilustrita, simple skribita kaj aperas regule ĉiumonate. Tutjara abono kostas nur 4·20 aŭstr. ŝil. (7 intern. respondkuponojn) aŭ egalvaloron en aliaj valutoj. **Abono komencebla ĉiumonate.**

En landoj, en kiuj ni havas abonejon, bonvolu mendi kaj pagi (vidu la prezaron!) ĉe tiu.

Ni atendas vian abon-konsenton kaj salutas vin plej kore

**Administracio de „Verda Revuo“.**

Bonvolu pagi la abonprezon ĉe

**Niaj abonejoj:**

Aŭstrio: **„Verda Revuo“, Wien, VII.**, Hermanng. 31/26, poŝtŝparkaso-konto C-134.731; jarabono 4·20 ŝ, duonjara 2·20 ŝ.

Ĉeĥoslovakio: **Esperanto-Asocio en ĈSR. Praha 47.** Poŝtŝparkasa-konto 12.371, jarabono 22 Kč.

Danlando: **Dana Esperanto Instituto,** Carit Etlarsvej 14, **Aabyhöj;** poŝtkonto 41462, jarabono 3 kronoj.

Finnlando: **Wilh. Highlander, Boxbacka:** jarabono 30 markoj.

Italujo: **Esperanto-Centro Itala,** Galleria Vitt. Emanuele 92, **Milano**; poŝtĉeka konto 3/18715. Jarabono 16 liroj.

Jugoslavujo: Red. **Damjan Vahen,** Reslova 29, **Ljubljana**; jarabono 40 dinaroj.

Nederlando: E-gazeto **„La juna vivo“, West-Graftdijk**; jarabono 1·5 guldenoj.

Norvegujo: **Norvega Esperantista Ligo** (librofako), Skappelsgate 5, **Hamar**; jarabono 3 kronoj.

Svedujo: **Eldona Societo Esperanto, Stockholm 1,** poŝtĉeka konto 578; jarabono 3 kronoj, duonjara 1·75 kr.

ATENTU! Por la aliaj landoj la tutjara abonprezo estas 4·20 aŭstr. ŝil. (7 intern. respondkuponoj) aŭ samvaloro en aliaj valutoj. La abono estas ĉiumonate komencebla.

---

**Kara leganto! Se vi mem ne havas intereson por nia revuo, ni kore petas vin, transdonu ĝin al alia fervora esperantisto!**

**Koran dankon!**

---

## Ĉu vi jam konas la eldonaĵojn de „VERDA REVUO“?

Se ne, mendu ilin tuj ĉe ĝia administracio, Wien, VII., Hermanng. 31/26, Aŭstrio!

1. **Verda Biblioteko N-ro 1: „LA MALGRANDA HELPANTO“** kun sendkosto —·60 aŭstr. ŝil. (1 respondkupono) aŭ egalvaloron.

   Tiu broŝuro estas bonege uzebla kiel ekzerc- kaj legomaterialo por komencaj kursoj.

2. **Glumarkoj** en 4 koloroj (oranĝkolora, blua, verda kaj nigra). 50 markoj kostas kun sendkosto 50 g (en poŝtmarkoj aŭ 1 resp.-kup.). Societoj ricevos 20% rabaton.